AE146

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 01/01/2014 Cent kvardek sesa Eldono 02/01/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer  Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Kompetentaj lingvistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon (Veki bezonon por interlingvo en komunumoj)

26/12/13 elsendita http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



Inter esperantistoj ĉiam denove ekflamas la diskuto kial nia lingvo en la mondo havas nur limigitan sukceson kaj per kiu strategio oni povus plibonigi la perspektivon por la estonteco. Rilate al strategioj oni diskutas pri politika agado, ĉar oni kredas ke per politika agado eblas decide plibonigi la situacion kaj reputacion de Esperanto. Tiu diskuto daŭras de jardekoj kaj ĝi restas daŭre senfrukta. Tiu senfrukteco de la diskuto baziĝas sur grava miskonsidero de la fenomeno lingvo. Lingvo estas unuavice soci-kultura fenomeno kaj politika agado favore al lingvo havas nur tre marĝenan signifon, ĉar la vivo de lingvo dependas de multaj aliaj tre fortaj faktoroj.

La plej forta faktoro estas la parolado en komunumo. Do la vivo de lingvo dependas de la vivo de la koncerna komunumo de homoj kiuj havas intereson komuniki inter si. Por nova internacia lingvo dekomence ne ekzistas komunumo. Ja principe eblas ke certaj komunumoj

transprenas ĝin por tiel komuniki pli bone inter si, sed tio komence povas funkcii nur ĉe malgrandaj komunumoj. Kaj necesas prikonsideri ke temas ja pri internaciaj komunumoj kiuj kutime havas nur porokazan bezonon pri komunikado.

Laŭ la origina ideo de Zamenhof Esperanto devus servi precipe en lokoj kie vivas homoj el diversaj gentoj. Dum la epoko de Zamenhof tia situacio de multlingveco en unu loko estis tre ofta kaj tio kaŭzis malpacon inter la diversaj lingvaj kaj religiaj grupoj. En la hodiaŭa epoko aliflanke tia situacio maloftiĝis. Pli kaj pli validas la principo: unu regiono - unu lingvo. Tiel la koncerna landa aŭ regiona lingvo fariĝas ankaŭ plej ofte la interlingvo por enmigrintoj.

Mi povas imagi ke Esperanto funkcias en portempaj komunumoj, plej bone en kunteksto kun klerigado, do lernejoj al kiuj venas gestudentoj el diversaj landoj por akiri tie specialan scion pri iu afero aŭ metio kiu ne estas rekte ligita kun iu specifa lingvo. Tia lernejo ja jam ekzistas, nome en Bydgoszcz en Pollando, la Internacia Studumo pri Turismo. La avantaĝo de la hodiaŭa situacio estas ke la gestudentoj en tia lernejo ja post la fino de la studado disiras, sed ke ili per la interreto povas daŭrigi la kontakton inter si kaj tiel povas ankaŭ uzi la komunan interlingvon. El tiuj poststudaj kontaktoj povas fariĝi profesia kunlaboro kio stabiligus la aplikadon de la komuna interlingvo.

La konkludo el ĉio tio estas ke la progreso por Esperanto ne venas el iu granda - aŭ eble eĉ grandioza - publika agado, sed el la daŭra serĉado kaj klopodado por trovi taŭgajn aplikokampojn kaj la koncernajn komunumojn por tie uzi Esperanton kiel interlingvon. Se ekzistas bona koncepto por certa aplikokampo kaj por la koncernaj homoj, tiam eblas organizi la instruadon de la lingvo por tiu kazo.

Tia laboro kompreneble estas sufiĉe pena kaj postulas klerajn homojn kiuj kompetentas pri la koncernaj fakoj kaj kiuj regas la lingvon por bone transdoni ĝin al aliaj homoj. Revado pri iu "fina venko" en fora estonteco certe ne sufiĉas por antaŭenigi Esperanton

Ctrl+alklaku Kaj Aŭskultu https://soundcloud.com/peranto/veki-bezonon-por-interlingvo

**Kara Roger**
**Mi dankas pro la ĉiama kaj ĝustatempa ricevo de la bela novaĵletero.**
**Ankaŭ mi deziras al vi ĉion bonan kaj ĝojan novan jaron.**
**Amike**
**Hermann Kroppenberg**



Broicher Straße 37
51429 Bergisch Gladbach-Bensberg

# Saluton el Brazilo!

Kara kaj estimata S-ano Roger Springer

Ni, de la Esperanto-Fako de Legio de Bona Volo (LBV), tutkore dankas Vin pro aperigo de la bulteno omaĝe al **Zamenhofa Tago**.
Ni petas de Vi, ke b.v. sciigu nin pri via naskiĝdato, por ke ni sendu al Vi retan gratulkarton okaze de via naskiĝtagreveno.

Kiel danko, al via koro ni dediĉas ĉi tiun diraĵon de la edukanto Paiva Netto:
--------------------------------------
Kiu emas fari ĉion pro Amo, tiu efektive ĉion faras tre bone.
-------------------------------------
Kun la plej bondeziroj, fratamike kaj samideane,
Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com www.tbv.com.br/esperanto




Kara Nicole
Estis 9 homoj kiuj alte tenis literojn E S P E R A N TO ĉe Vatikan-Urbo kiam la Papo donis sian kristknaskan mesaĝon hieraŭ. Ĉu vi vidis tion sur la TV novaĵo?
Amike Roger.

Kara Roger
Ne, mi ne vidis la TV novaĵon. Tamen mi jam vidis fotojn sur la reto. Jen unu ne tre klara, sed vidu la ruĝan cirklon.
Amike, Nicole











la 29an de Decembro, ĉe Esperanto-Domo en Sidnejo.
Kafo, teo, tujsupo, nudeloj, ktp, Muziko, videoj, diskutoj, ktp
Venis 15 Diano Lukes, Markus Gabor, Elizabeth, Lumera, Steven Garamy, Dmitry Lushnikov, Robert Bain, Margaret Chaldecott, Nicole Else, Roger & Mei Springer, Halinka & Tadeusz Ejsmont, Richard Delamore, Volo Gueltling.




Gabor (el Hungario) prelegis




Lumera (el Koreio) prelegis






## La ligoj en AE145 pri Asocio kaj Kompanio ofte ne sukcesas malfermiĝi

Jonathan Cooper sendas pli bonajn ligojn
La ligiloj estas:
http://aea.esperanto.org.au/wp-content/uploads/2013/12/kompanio-v-asocio.pdf
http://aea.esperanto.org.au/wp-content/uploads/2013/12/aea-governance-report-30-aug-06.pdf
Tamen, laŭ mi, (Jonathan) estus pli facile por membroj iri al sola retpaĝo kaj musklaki la ligilojn tie, do mi kreis novan paĝon (ne en la menuo):
http://aea.esperanto.org.au/company-association/
Amike, Jonathan Cooper

## Bicikla Ekskurso en Sidnejo

Hodiaŭ mi ekskursis kun Dominic. Jen vi povas spekti nian ekskurson
http://www.youtube.com/watch?v=TAE-QDd21kY Amike, Nicole

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001 Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra



**KANBERO** **URSULA HALL** Building 50, Daley Rd
The Australian National University Canberra ACT 0200 **Google-mapo**

## 3–12 januaro 2014

La unua ero estos kunmanĝado vendredon la 3-an de januaro. La lasta ero estos la matenmanĝo de dimanĉo la 12-an de januaro.

Kara kongresano/somerlernanto,

Tre plaĉas al ni, ke vi partoprenos en la baldaŭa Esperanto-kongreso en Kanbero en januaro.

Bonvolu kontroli la plej aktualan version de nia programo.
aŭ angle latest version of our program

Se vi kontribuos al la programo, bonvolu kontroli, ĉu vi estas kontenta pri la maniero prezenti vian eron.
Eble vi deziros skribi kelkajn frazojn pri via prelego, prezentaĵo, aŭ seminario.

Se ĝis nun vi ne esprimis deziron kontribui, ankoraŭ ne estas tro malfrue. La programo daŭre pliboniĝas kaj ni bonvenigas kiel eble plej multajn kontribuantojn kun plej diversaj temoj.

Jen kelkaj aliaj informeroj:

- Bv konsideri prezenti vendredon vespere (3/1) mallongan raporton pri via Esperanto agado, aŭ la agado de via klubo, grupo aŭ asocio dum la lasta jaro.
- Bonvolu ekscii pri la argumentoj por kaj kontraŭ la statuso de AEA kiel kompanio aŭ asocio. Ni voĉdonos pri tio dum la jarkunveno.

Bona resumo de la argumentoj por kaj kontraŭ troveblas en la
plej lastadata numero de Aŭstraliaj Esperantistoj (Nr. 145)
aŭ angle latest Aŭstraliaj Esperantistoj (Nr. 145)

- Se vi ne tranoktos en Ursula House, ni bonvenigas kaj eĉ instigas vin manĝi tie kun la ceteraj.

Vi povas pagi antaŭ la manĝo.
- Tagmanĝo: $ 12.00
- Vespermanĝo: $ 16.00

Dum la bankedo ni okazigos tradician aŭkcion por havigi monon por speciala (Esperanto) afero. Bonvolu kunporti kaj donaci aŭkcierojn.

Se vi havas pliajn demandojn, bonvolu demandi nin – eble ni povos respondi!

Heather: 0419-895934
Sandor: 0458-215624

Ni antaŭĝuas renkonti vin en Kanbero.
Heather, Indrani, Jim, Kam Lee, Margaret, Sandor








# La venonta „Aŭstraliaj Esperantistoj " estos sendata post la Kanbera Kongreso

# 15. Lingvaĵo iom pri La Predikativoj. B.



Ni rimarkis, ke la Predikativo estas la neverbaj vortoj kiuj necesas por krei la ĝustan bildon de la ago.
Ĝi estas parto de la Predikato, kies alia parto estas la verboj kun verbaj finaĵoj. Ekz. "La veturigisto ESTAS HOMO TRE ZORGEMA" kaj "La virino REKONIS min SIA ANTAŬA INSTRUISTO". La precipa karaktero de la Predikativo estas, ke ĝi esprimas la staton, en kiu estas la Subjekto aŭ la Objekto dum la okazo de la ago. Do ĉe "Ŝi ŝajnas laca" la Subjekto "Ŝi" estas en stato de laceco dum la ŝajnado, kaj en "Mi juĝis lin kapabla por tiu laboro" la Objekto "lin" estas en stato de kapableco kiam mi faras la juĝadon.

Pro tio ke la Predikativo indikas la staton AŬ de la Subjekto AŬ de la Objekto, ĝi estas AŬ Subjekta AŬ Objekta Predikativo. Ni do laŭ tiu divido traktas ilin aparte.

Notu ke ne ekzistas Adjekta Predikativo. Tio kion la Plena Analiza Gramatiko de Kalocsay kaj Waringhien erare nomas tiel, fakte estas Adverbforma aŭ Prepozitivforma Subjekta aŭ Objekta Predikativoj (vidu $ 170 n.ro 4).

Notu ankaŭ, ke la kernvorto de la Predikativo povas neniam ricevi la objektan akuzativan finajxon –n.

Notu krome, ke kelkaj kopuloj havas ankaŭ nekopulan uzon, kun iomete malsama signifo, ekz. "Ni estis (= ekzistis, troviĝis) ankaŭ en Italujo" kaj "Ni restis (= ne ŝanĝis la lokon) tri tagojn en Svisujo".

Marcel Leereveld.




En la retejo http://www.edukado.net estas kvizo kiu nomiĝas "Risko". Ĉiun tagon vi rajtas respondi al maksimume 3 demandoj pri Esperanto (kulturo, movado kaj lingvo). La demandoj ofte estas tre malfacilaj. La kvizo nomiĝas risko, ĉar se vi elektas respondi al la tria demando kaj malbone respondas vi perdas la poentojn kiujn vi ricevis dum tiu tago, sed se vi ĝuste respondas la poentoj por la tago duobliĝas. En ĉiu monato estas premio (libro, KD, T-ĉemizo, ktp) por la persono kun la plej multaj poentoj. La kvizo funkcias ekde aprilo. Enestas jam pli ol 900 demandoj. Kaj mi tre kontentas, ke por decembro la persono kun la plej multaj

poentoj estas mi! Mi aldonas bildon kiu montras unu el la demandoj en la kvizo.
Amike, Nicole

Kulturo

**Kiu el la subaj estis krimromano, verkita originale en Esperanto?**

- La vila mano de Hendrik Bulthuis
- Vojaĝo al Kazohinio de S. Szatmari
- Maskerado ĉirkaŭ la morto

## Financa subteno

Por ke *lernu!* ekzistu kaj funkciu bedaŭrinde ne sufiĉas nur bonegaj kunlaborantoj. Por povi akcepti multajn uzantojn, *lernu!* uzas multekostan ret-servilon. Por povi sekvi la evoluon de la reto kaj retaj teknikoj, por kreski kaj pliboniĝi, *lernu!* bezonas diligentajn programistojn. Por ke la uzantoj havu konstantan subtenon kaj respondojn al siaj demandoj en ĝusta lingvo kaj de ĝusta persono, iu devas ĉiam esti tie por kunordigi la komunikadon. Se *lernu!* volas pli aktive informi pri Esperanto, premii plej diligentajn paĝaruzantojn aŭ antaŭenigi lernilojn kaj vortarojn en Esperanto, ankaŭ tio evidente kostas monon.

La esplorfonduso Esperantic Studies Foundation dum la pasintaj jaroj (2002-2012) financis la projekton, sed nun ŝatus iom post iom malgrandigi sian financan subtenon. Pro tio gravas via kontribuo, malgranda aŭ granda! Ni elkore dankas la personojn, kiuj jam donacis al la projekto! Do, se vi havas eblon kaj volas, vi povas finance subteni *lernu!* en iu el la sekvaj manieroj:

- PayPal-konto
- UEA-konto - al konto **lern-a**, sendante pagordonon al UEA, kopie sendu ĝin ankaŭ al **teamo@lernu.net**
- Bankokonto - skribu al ni de kiu lando vi volas pagi, por ricevi detalajn kontoinformojn
- Sendante ĉekon je "Schulze Education Endowment" al la adreso
    - Wallace G. Du Temple<br>765 Braemar Avenue<br>North Saanich, BC<br>Canada V8L 5G5

Donacoj al *lernu!* kaj ESF estas dekalkuleblaj en impostdeklaro en Usono, sendepende de ĉu oni donacas per PayPal, ĉekoj aŭ konttranspago. Se vi ŝatus ricevi kvitancon, sendu vian ret- aŭ

paperpoŝtan adreson al admin@esperantic.org.
Se vi volas, vi povas indiki kiun parton de la *lernu!*-laboro vi ŝatus subteni.
Vi ankaŭ povas, ekzemple, mem sendi premion al gajninto(j) en iu el *lernu!*-konkursoj, nur interkonsentu kun ni pri tio unue.
Ajna via kontribuo estus tre bonvena!
Antaŭdankas,
La teamo kaj la uzantaro de *lernu!*
PS. Ankaŭ eblas helpi al *lernu!* praktike, ekz. per tradukado, lingvohelpado, ks. Vi estas bonvena kontakti nin!

## Vortoj de "Lernu"

ASTRO
Natura ĉiela korpo, ekzemple, stelo, kometo, planedo:
Li naskiĝis sub favora astro.
Astra lumo heligis la tutan ĉielon.
Multaj homoj kredas je prognozoj de astrologoj.
Astrologio estas arto priskribi la karakteron de homo kaj doni informojn pri ties ebla estonteco laŭ la aranĝo de la astroj en la momento de ties naskiĝo.

SVENI
1. Perdi dum kelkaj momentoj la konscion kaj mov-kapablon:
Li ĉiam svenadis vidante sangon.
Ni jam dum longa tempo sveniĝadas de la granda varmego.
Ŝi falis svene pro amasega homaro.
Min subite atakis sveno.
Tia malbonega odoro baldaŭ svenigos min.
2. Malaperi, disperdiĝi:
La fiodoro svenis.
La hodiaŭa tago tre rapide svenis.
Jen la forsveno de la lasta sonorilo en lernejo.
Kial miaj vortoj konstante duonsvene forsonas preter viaj oreloj?!

Fabeleto V..pps

Karaj geamikoj, Jen fabeleto okaze de la novjaro! Amike Bob Felby





